# La LAMPIRO

43a jaro n-ro 105 septembro-decembro 2002




## SCLU malfermas sian pordon al ILEI-afero

## Fermita klubo de sinkrotronoj

## Mesaĝo de la prezidanto de UEA

# La LAMPIRO

43a jaro n-ro 105 septembro-decembro 2002

Oficiala Organo de
Esperanto-Asocio de San-Paŭlo

kvarmonata, kultura kaj informa publikigaĵo, senpaga por membroj de EASP kaj asocioj enlandaj kaj eksterlandaj

**redaktoro**
José Roberto Tenório

**grafika aranĝo kaj enpaĝigo**
Cristovão Rocha Sousa

**kunlaboris en ĉi tiu numero**
Marija Almada, James Rezende Piton, Paulo R. Santos, José Dias Pinto, Yeda Patrizi, Ísis C. Okabe Piton, Cida Tuon, Anna Eliza, Luiz Rusilo, Flavio Rebelo, Florestano kaj Symilde Schenk Ledon

**Reviziantoj**
José Dias Pinto, Eurico Ribeiro

**redaktejo:**
Rua Davidson de Sá Ramalho, 18-A
08021-370 São Paulo-SP Brazilo
**Telefono:** (011) 6131-4403
**retpoŝto:** lampiro@ig.com.br

brazila abontarifo por 2002: R$ 10,00
*La redakcio ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*


---


**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
fondita en 29/03/1937

**Sidejo**
Rua Faustolo, 124 - 05041-000
São Paulo - SP
**Telefono-fakso** (011) 3862-1183
**retpoŝto** easp@osite.com.br




**Membro-kategorioj** (monate)

| | |
|---|---|
| Kat. 1 (Simpla membro) | R$ 8,00 |
| Kat. 2 (Kunlaboranta Membro) | R$ 10,00 |
| Kat. 3 (Helpanta Membro) | R$ 15,00 |
| Kat. 4 (Subtenanta Membro) | R$ 20,00 |

| | |
|---|---|
| Jara antaŭpago: | 15% rabate |
| Sesmonata antaŭpago: | 10% rabate |

**Deĵorado**: de lundo ĝis sabato, de la 15-a ĝis la 19-a horo.

# Enhavo



Kovrilo

Fasado de la administrejo de Kultura Societo Universala Lingvo

# Ju pli da honoro, des pli da laboro




Per ĉi tiu numero ni kompletigas la jarkolekton 2002 de LL. Gratulvortoj de niaj legantoj daŭre venas el pluraj partoj de Brazilo kaj aliaj landoj — por la maltrankvilo de la redaktoro, kiu tial devas teni la nivelon de la publikigaĵo.

En ĉi tiu numero estiĝas nova rubriko, nome FAKE kaj ĝin inaŭguras nia fakdelegito James Rezende Piton el Campinas/SP. Per ĝi ni celas inviti po unu el la centoj da fakaj delegitoj enlistigitaj en la Jarlibro de UEA verki iom pri sia fako.

Bonŝance abundas materialo por la rubriko 'Novaj Talentoj'. Ĉu same okazos al la rubriko 'Hajko kaj Ni'? Ni atendas reagon de niaj versamantoj.

Se vi ankoraŭ iom hezitas (re)membriĝi al via esperanto-klubo aŭ asocio por la jaro 2003, ni invitas vin legi la mesaĝon de la prezidanto de UEA (p. 11) kaj pripensi kiel grava estas via partopreno en la vivo de niaj esperantaj organizaĵoj.

Alveninte al la lasta monato de la jaro, ni ankaŭ sentas nin pli spertintaj kaj motivigataj por 2003, danke al ĉiuj E-organizaĵoj, kiuj dum la jaro interŝanĝis kun ni siajn eldonaĵojn, al la legantoj kaj kunlaborantoj de LL, kiuj helpis nin plibonigi la revuon per sugestoj kaj artikoloj, al ĉiuj membroj kaj abonantoj, kiuj malavare subtenas nian laboron kaj ĉefe al la estraranoj kaj deĵorantoj de la Asocio, kun kiuj ni havis la bonŝancon pli rekte travivi la zamenhofan heredaĵon.

Gajajn festojn kaj bonan novan jaron!

---




## Aperis en nia leterkesto

**José - Esperante** kompaktdisko kun 9 titoloj, 38 minutoj. Eldonita de la aŭtoro en San-Paŭlo/ Brazilo, 2002.

**Nova Aŭroro**
Cairbar Schutel, Brazilo: Eldonejo O Clarim, 2002. 168p. 21cm. ilustrita. Prikribo de urbo, en la astrala mondo, proksima al la Tero.

**Lavoisier Pravis**
Walter Boppré, Brazilo: Eldonejo Garapuvu, 2002. 194p. 21m. Dulingva (esperanta-portugala) kolekto da rakontoj.

**Um ideal e uma Paixão**
Celso Martins, Brazilo: Eldonejo DPL, 2002. 82p. 21cm. Portugallingva propagandocela kolekto da eseoj pri Esperanto.

**Korektoj pri la antaŭa n-ro de LL:**

* La ĝusta surkovrila eldonperiodo estas "majo-aŭgusto 2002" kaj ne «agosto-novembro» kiel aperis .

* La dua parto de la teksto "Okcidento ŝotas la eskalon" (p.18) misaranĝis, tial malhelpante la komprenon. La ĝusta tekstodivido estas: "...supro kaj tiel rifuzi al la ... (unua kolumno, dua linio desupre) ...malriĉaj landoj la ŝancon..." (dua kolumno, unua linio desupre); "Oni devas akcepti, ke... (dua kolumno, lasta linio) ...la ortodoksa preskibo..." (unua kolumno, dua linio desupre).

# ILEI-afero revigliĝas en Brazilo



D-ro Osvaldo kaj Prof. Zlóv (dekstre)

*La ridetanta kaj flamiĝanta suno, simbolo de Kultura Societo Universala Lingvo (portugale SCLU –Sociedade Cultural Língua Universal), pli kaj pli fariĝas konata en la urbo San-Paŭlo, danke al ĝia nova metodo pri instruado de lingvoj kaj al la amase planita disvastigado de ĝiaj kursoj. La elmigro de gelernantoj, inkubosonĝo de ĉiuj instruistoj pri lingvoj, laŭ prof. Zlóv, fondinto kaj direktoro de la institucio, estas preskaŭ nula en KSUL, ĉar ties geinstruistoj, krom edukistoj, estas samtempe kantistoj, dancistoj, mimikistoj kaj aktoroj. Sekve, la gelernantoj lernas senpene, distre kaj plej grave – plezure. Nuntempe la administrejo kaj propagandoficejo de KSUL (strato Eng. Francisco Azevedo, 243, proksime al metrostacio Vila Madalena en San-Paŭlo - tel. + 55 11 3873-8080), okupas du konstruaĵojn, de kie estas flegataj ties kelkmiloj da gelernantoj de la angla kaj hispana kursoj.*

*Sed je kio tio koncernas al Esperanto? Je ĉio. Unue ĉar prof. Zlóv estas esperantisto kaj de multaj jaroj aktiva disvastiganto de la Zamenhofa idealo, precipe en USP — Universitato de San-Paŭlo, kie li iniciatis la movadon kaj asocion Esperant'USP —, kaj en pluraj kulturaj institucioj, sed ankaŭ ene de la katolika medio (kies travivaĵojn li nun aperigas libroforme); due li akceptis, okaze de la 87-a UK okazinta en Fortalezo ĉi-jare, esti la nova brazila sekciestro de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, neŭtrala organizaĵo en operaciaj rilatoj kun Unesko, post multjara laboro fronte al ILEI de prof-ino Elvira Fontes.*

*La 19an de oktobro, en la administra sidejo de KSUL, okazis la unua ILEI-kunsido sub lia estreco kun la ĉeesto de pluraj E-geinstruistoj el San-Paŭlo, inkluzive de la antaŭa prezidanto de Brazila E-Ligo, d-ro Osvaldo Pires de Holanda, kiu enmanigis al li la "Pokalon de la plej elstara disvastiganto de BEL" kun diplomo ( kiun oni aljuĝis al li en la jaro 2000 kaj planis, honorige al lia merito, liveri dum la tiama Brazila Kongreso de Esperanto) kaj ankaŭ de la redaktoro de La Lampiro, kiu kaptis la okazon por konatigi al ties legantoj la novan brazilan ILEI-sekciestron.*

**LL -** Kiam estiĝis via rilato kun ILEI?

**Zlóv -** Jam delonge Elvira aligis min al ILEI. Do, de pluraj jaroj mi ĉiam legas Internacian Pedagogian Revuon kaj konatiĝis kun pluraj E-instruistoj. Mi estas instruisto pri sociologio kaj ankaŭ instruanto de E-o, tial la afero ILEI ĉiam montriĝis al mi tre proksima kaj mi ĉiam interesiĝis pri pedagogio kaj instruado, precipe de E-o, kaj mi estas ankaŭ entreprenisto.

**LL -** Estri porinstruistan sekcion en lando kun kontinentaj dimensioj kiel Brazilo ne estas facila laboro. Kio instigis vin akcepti tiun gravan taskon?

**Zlóv -** Bone, la afero estas ke ĉiam mi estis kritikemulo rilate al la instruado en la universitato kaj en la lando. Do, mi kredas ke mi ne devas esti nur kritikanto, sed ankaŭ kunlaboranto. La dimensio de la lando ne estas tre grava problemo, ĉar la mondo estas en nia komputilo, kiu alproksimigas ĉion. Sed nun ne ĉiuj havas elektronikan adreson nek povas viziti la paĝaron en la interreto. Tiu situacio ŝanĝiĝos en la venontaj monatoj kaj jaroj. Mi pensas ke ne estas alia ebleco ol

interreto por organizi nian movadon, ankaŭ pro financaj kialoj.

**LL -** Koncerne al la agado de brazila ILEI-sekcio, ĉu estas ĝia intenco fari eksperimenton en San-Paŭlo kaj nur poste apliki la rezultojn al aliaj ŝtatoj?

**Zlóv -** Ne, ne. Ni intencas daŭrigi la kunsidojn en San-Paŭlo ĉiun duan monaton de la jaro kaj jare okazigi unu seminarion. Sed ni intencas apliki niajn rezultojn en ĉiuj lokoj de la lando. Do, pro tio ni (mi kaj kelkaj kunlaborantoj) estas dum multaj horoj telefonantaj ĉiutage por traserĉi ĉiujn E-instruistojn en la lando, ankaŭ tiujn, kiuj ne plu instruas, sed antaŭe instruis, por ke ni diskutu kaj organizu nian laboron naciskale.





*Brazila ILEI-sekciestro dumkunside*

**LL -** Kiu estas la kontribuo de KSUL por la brazila ILEI-sekcio?

**Zlóv -** Mia ideo estas simple, ke mi disponigu miajn fortojn por tiu afero. Do, nia KSUL havas eĉ sian nomon pro ties rilato kun la afero mondlingvo, do, kaj tiel, nia Societo intencas ne esti simpla entrepreno, sed ankaŭ kultura institucio. Kaj tiu kultura institucio estu ankaŭ loko malfermita por la esperanta movado, por pluraj agadoj, kaj nun ankaŭ por la laboroj de ILEI-sekcio. Do, estas loko konvena, kiun ni disponigas al la movado.

**LL -** Krom uzi interreton kiel ĉefan laborigilon, ĉu vi ankaŭ intencas profiti la strukturon de Brazilaj Krongresoj de Esperanto?

**Zlóv -** Jes, tutcerte. Nia ideo estas okazigi seminarion de la brazila ILEI-sekcio, t. e. de la esperantistaj instruistoj kadre de BKE, ankaŭ kiel instigo por ke la instruistoj vizitu la kongreson kaj kompreneble por ke tio havigu forton kaj sufiĉan monon por la organizado. Povas ne esti konvene organizi seminarion tute sendependan de jam tradicia evento de nia movado.

**LL -** Unu el la plej gravaj aferoj pri instruado estas la normigado de atestoj por finkursintoj. Kiel vi planas solvi tiun problemon?

**Zlóv -** Prezenti ĉi-momente niajn projektojn pri nia afero ne estas tute facile, sed vi jam diris nian ideon, ke ni devas diskuti kaj decidi pri la normigado de tiu aljuĝo de atestiloj kaj diplomoj. Tiu estas tre konvena afero por la movado, do, la unua afero estas ke ni akceptu, ke devas esti tiu normigado.

**LL -** Kiel entreprenisto vi scias pri la kosto de trejnado de instruisto. Ĉu eblas entrepreni porinstruistan edukadon similan al tiu ĉe KSUL, ankaŭ en E-medio?

**Zlóv -** Jes, eblas. Ni devas malgrandigi ĝis minimumo la kostojn de tiu trejnado kaj interreto estas la plej konvena afero. Mi verkas kaj laboras ankaŭ pri libroj pri trejnado de instruistoj, t.e. nia societo jam eldonis instru-metodon pri la angla kaj hispana [kompletojn plenkolorajn kun 8 volumoj kaj 8 k-diskoj], kaj ni intencas estontece (mi ne povas fiksi daton), ankaŭ pri E-o, same kiel nia Kultura Soceto faris manlibron por la instruistoj, ankaŭ estos same por la Sekcio. Mi parolas pli private kiel instruisto, ol kadre de la afero ILEI.

**LL -** Kiu mone subtenos la laboron de brazila ILEI-sekcio? Ĉu vi ricevos monhelpon de iu E-organizo?

**Zlóv -** Momente mi ne povas prezenti la solvon de ĉi tiu demando. Mi kredas ke ni ne havas monbezonon rilatan al

subtenado de niaj simplaj kunsidoj. Por la seminario, estontece, mi kredas ke ĉiuj aliĝintoj, devos pagi apartan kotizon por ke ni povu organizi bonan seminarion, sed ĉiam laŭ la ideo ke niaj instruistoj ne estas riĉaj. Do, ni devas organizi en modestaj cirkunstancoj, sed kun laŭeble plej bonaj prelegantoj kaj programeroj.

**LL -** Laŭ via sperto, ĉu eblas eduki instruistojn per poŝto aŭ interreto?

**Zlóv -** Jes, tutcerte jes. Ni devas fiksi la regulojn de la instruado. Kaj tiel ni devas fiksi kaj kontroli ĉu la instruistoj ilin plenumas. Ili devos subskribi dokumenton, kie ili akceptos kelkajn aferojn, ekz-e la decidojn de la instruistaro. Sed ni ne devas timi tion. Mi pensas ke ni devas apogi ĉiujn volontulojn kaj ĉiam labori por la profesiiĝo. Sed mi pensas, mi estas trankvila, ke ni ne iros iun burokratian vojon, kiu nur malhelpus la instruadon.

**LL -** Krom IPR, ĉu eldoniĝos iu speciala publikigaĵo por la brazila instruistaro?

**Zlóv -** Mi intencas ke ni havu bultenon, kaj estontece povas esti ke ĝi evoluos al revuo. Ankoraŭ ni havas nenian decidon pri la afero. Hodiaŭ okazas la unua kunsido kaj poste ni diskutos pri revuo kaj redaktado – kaj vi estas redaktoro, do, eble vi interesiĝas pri la afero–, nuntempe ni faras neniun decidon. Eventuale ni havos nur bultenon kaj hejmpaĝon en la interreto.

**LL -** Kiu estas la graveco de Edukado.net por ILEI kaj speciale por la brazila ILEI-sekcio?

**Zlóv -** Mi pensas ke Edukado.net alportas modernan materialon. Ĝi povas helpi multajn, do, ni intencas ĉeesti ĝin kaj sekvi nian vojon kaj laboron, laŭ la statuto de ILEI, laŭ niaj celoj kaj tiel kontribui ankaŭ por Edukado.net laŭ nia eblo.

**LL -** Ĉu tiu hejmpaĝo, kiun vi intencas lanĉi, sekvos saman vojon?

**Zlóv -** Ne, ne. Ĝi havos aliajn ĉefajn trajtojn, la plej komunan aferon. Nia paĝo prezentos la laboron de nia Sekcio, t.e. niajn diskutojn, do, ĝi estos komplemento al Edukado.net aŭ Edukado.net estos komplemento al ni. Ni ne intencas kunkurenci nek sekvi iun privatan iniciaton.

**LL -** Aliĝo de E-instruistoj al ILEI estas grava afero. Kiel vi intencas varbi ilin?

**Zlóv -** Bone. Multaj personoj diras ke la problemo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo estas la alta kotizo. La problemo ne estas tiu, sed ni ne povas postuli pli ol ni liveras. Do, ankaŭ en BEL. Pro tio mi konsentas kun d-ro Osvaldo, antaŭa prezidanto de BEL, kiam li decidis malaltigi la kotizon, ĉar se ni postulas multon kaj liveras malmulton, okazas la seninteresiĝo de la personoj. Do, ni devas esti koheraj pri tiu afero. Do, la aliĝo al ILEI devas sekvi tiun ĉi vojon. Ni ne devas fari nur propagandon de aliĝo al ILEI, sen ke ni faru ion pli. ILEI nuntempe liveras IPR-n kaj ankaŭ la revuon Juna Amiko, por la junuloj. Tiu legmaterialo, do, estas tre konvena. Sed ĉiuj, kiuj aliĝas al BEL, laŭ mia scio, daŭre ricevas Junan Amikon, do, aliĝi al ILEI nur por kvar malgrandaj IPR-oj jare povas esti seninterese, se ni ne engaĝiĝas al la iniciato de la instruistaro. Do, mi intencas propagandi kaj kreskigi, multobligi la membraron de ILEI en Brazilo, sed kondiĉe ke kun kongrua ago, de nia Sekcio, kaj kun nia laboro. Nur fari propagandon, ne. Ni laboros por la instruistoj kaj sekve, se ni sukcesos, ni sugestos ke ili kontribuu per la kotizo.

**LL -** Kiel sciate, Cseh-metodo furoras en la esperanta medio. Ĉu estas iu rilato inter tiu metodo kaj la metodo uzata ĉe KSUL, kiun vi intencas alporti al la esperanta medio?

*(Daŭrigota sur la p. 16)*

# Mi sopiras je vi



*Tago trista, tago simpla,*
*Tago bela, tago rida,*
*Rida vivo, rida sonĝo,*
*Rida maro, subita ŝanĝo,*

*Kia sonĝo? Kia vivo?*
*Kia tristo? Unu libro.*
*Tiu junulo, tiu luno.*
*Tiu krio, tiu furio.*

*Vi foriros, mi adiaŭas,*
*Mi atendas, ĉu vi revenos?*
*Mi aŭskultis, vi kantis,*
*Mi revis, sed, vi mortis.*

*Anna Eliza*

---

# Senregeco

*Vortoj maskitaj sinsekvas senhalte*
*Raporto senordas, konkludo ne gravas*
*Silento doloras.*



*Gestoj bombastaj malplenon forpelas*
*Korpo laciĝas, ripozo ne venas*
*Soleco persistas.*

*Pensoj senhontaj flugadas senvoje*
*Menso tumultas, kompreno malhelpas*
*Sopiro grandiĝas.*

*Sentoj profundaj ekflamas senbride*
*Koro bategas, svenas logiko*
*Elverŝas pasio.*

*Cida Tuon*

# Ĉiu tage estas Ago-Tago

La Ago-Tago en nia lando ĉi-jare ŝajnis senmova. Se io okazis, estis tiel regiona, ke la e-istoj mem apenaŭ eksciis pri la okazintaĵo. Laŭscie, en nia urbo neniu pendigis esperantan flagon surfenestre, kolportis por Esperanto de domo al domo, kiel nia kuraĝa samideano el Rio-de-Ĵanejro (ĉi-numere, p. 11), aŭ grupete disdonis flugfoliojn ĉe iu stratangulo de la metropolo.



Statistike San-Paŭlo pintas kiel la urbo gastiganta la plej grandan nombron de e-istoj en Brazilo. Do, kio okazas? Laŭ la komisiito por Amerika Agado, Adonis Saliba, la kialo de tiu senmoveco estas la manko de antaŭplanita laboro flanke de la esperantistoj, ĉefe kiam temas pri propagandocela entrepreno. Pro manko de planado la movado malŝaparas tempon, homfortojn kaj monrimedojn per izolaj kaj liliputaj eventoj, kiuj povus pli efike disvastiĝi, se ilin oni bone antaŭplanus. Afiŝi por Esperanto ĉe stratanguloj estas interesa laboro, sed ankaŭ pretigi allogan intervjuoprograman materialon pri Esperanto, inkluzive kun specimeno de ĝia riĉa kanzonaro, kaj komisii po du-tri e-istoj viziti lokan radiostacion. En malgrandaj urboj eblas viziti eĉ televidostacion.



Ĉio ĉi estas nur unu flanko de la monero. La alian flankon, malpli videblan, mi provos montri per la jena demando: kio estas Ago-Tago? Por multaj ĝi signifas tiun tagon en kiu, post unu jaro da hobiado en Esperantujo, oni sentas sin devigata fari ion por Esperanto. Por kelkaj ĝi sonas kvazaŭ insulte, se konsidere al tio, ke dum la tuta jaro oni formike laboris por la pluirado de la movado. Neniu malpravas kaj la movado bezonas ambaŭ. Akceptinte tion, oni devas konsciiĝi pri tio, ke bonvolemo kaj sindediĉo estas nur bazaj kondiĉoj al pli alta ŝtupo, nome profesiiĝo, aŭ perfektiĝo, se iu tiel preferas.

Profesieco koncernas ĉiujn branĉojn de la homa agado. Religiulo deziranta bone diskonigi sian kredon nepre devas agi laŭ ties principoj. Same por ni esperantistoj. Pro kohereco, antaŭ distrumpeti la avantaĝojn lerni Esperanton, ni la unuaj elluzu ilin.



Se temas pri propagandocela kolektiva agado, la afero meritas iom pli da atento. Ĉi-jare la brazilanoj elektis novan prezidenton, kiu sensukcese estis kandidatiĝinta jam tri fojojn. Demandite pri tio, al kio li ŝuldas la venkon, li sincere konfesis ke al la skipo de profesiuloj, kiu zorgis pri lia persona prezentado antaŭ la publiko. Se vi ankoraŭ ne konvinkiĝis, jen mia lasta provo: ĉu vi sciis ke la vestoj de Sankta Nikolao estis verdaj, ĝis kampanjo de la usona kokakola-firmao decidis tinkturi ĝin ruĝa? Jen la povo de reklamkampanjo!

Tenorjo

# Ankoraŭfoje pri la 87a UK

La 87-a UK estas por la tuta Esperantujo grava okazintaĵo, por la ĉeestintoj memorinda evento. Estas ĝojo konstati, ke la Kongreso bone impresis la partoprenintojn venintajn el la kvin kontinentoj. La laŭdoj venis el multaj landoj pere de sennombraj gazetoj. La opinioj feliĉe estas bonaj. Multaj el la ĉeestintoj la unuan fojon vizitis Brazilon kaj Fortalezon, kiu surprizis ilin pere de sia maro, kies helverda koloro ŝajnas smeraldo. Ankaŭ pro la tropika klimato, al ili nekutima, ĉefe se oni konsideras, ke estis vintre ĉe ni.

Krom la internaciaj, aperis multaj oficialaj gastoj, inkluzive la guberniestro el ŝtato Ceará kaj pluraj reprezentantoj de oficialaj instancoj. Per sia ĉeesto ili donis prestiĝon al la evento kaj pruvis, ke Esperanto estas grava por la nuna kaj futuraj generacioj.

La gazetoj de Fortalezo multe informis pri la Kongreso. La gazeto O POVO, dediĉis tutan paĝon al ĝi, aperigante intervjuojn de la ĉeestantoj, kiuj klarigis la gravecon de la lingvo Esperanto, kaj tiel helpis la loĝantaron kompreni la intencon de la esperanto-movado kaj, ke en Fortalezo eblas lerni ĝin.

Pli ol kutime, la 87-an UK-on ĉeestis ankaŭ la junularo. Kiel kutime, la gejunuloj havis sian apartan kongreson, sed ĉi-jare tamen ili pli senteble partoprenis, helpis, kaj ni ĉiuj kune festis. Ili igis la UK-on pli juneca, pli bela kaj pli brua! Ili gaje kantis la "AKVARELO DE BRAZIL", kiun la alilandanoj la unuan fojon aŭdis kaj mire aŭskultis.

Kiel en ĉiuj UK-oj, okazis multaj, interesaj prelegoj kaj agrablaj akceptoj al la kongresanoj. Ekzemple la invito de iu neesperantista familio, kies jam forpasintaj membroj estis iam sindediĉaj esperantistoj. Ili ne parolas la lingvon, sed konservas la librojn kaj aliajn esperantaĵojn, kiujn la patro kaj edzo zorge legadis dum la vivo. La familio akceptis ĉirkaŭ cent membrojn de la UK feste kaj elkore. Kaj mi speciale dankas al ili la atenton kaj ĝentilan sintenon. Krom la bongustaj frandaĵoj, kiujn ili afable ofertis al la vizitantoj.

Organizite de UALE — Universala Artista Ligo de Esperantistoj, okazis artekspozicio. Partoprenis ĝin 8 geesperantistoj el ŝtatoj Rio kaj SP. Malgraŭ la malfacilaĵoj, kiujn devis solvi la organizantoj ĝi okazis. Vero estas, ke por la arto ne nepras geniaĵoj. Gravas tamen fari ion por espremi ĝin.

UALE estis fondita en la jaro 1978-a, dum la 63-a UK en Varna, Bulgario. Ĝin fondis finnaj esperantistoj kaj jam pluraj UK-oj okazigis ekspoziciojn, sed la unuan fojon estis disdonitaj trofeoj al la artistoj. Tio okazis en Fortalezo ĉi-jare. La prijuĝinta komisiono konsistis el kvin membroj el la kvin kontinentoj (el ĉiu kontinento po unu persono), kiuj aljuĝis la unuan premion al S-ino Aparecida de Souza Araujo (SP), la duan gajnis S-ro Adalberto de O. Pessoa (SP). La du honorajn premiojn gajnis S-ino Nilza Razel, el Bebedouro (SP) kaj S-ro Renaud Hetmanek (RJ). Mi gratulas al ili! La premioj estis disdonitaj dum modesta renkontiĝo.

Ĉiutage la redaktoro de la kongresa bulteno "LA BELA SONĜO DE L' OMARO", kiun redaktis nia kara samideno James Rezende Piton — al kiu UALE elkore dankas la afablan apogon kaj kunlaboron — menciis ĝin.

Al organiza komitato , kies membroj ĉiam afable pretis helpi, en la nomo de UALE kaj en mia propra, mi por ilia bonvolemo esprimas mian elkoran dankon!



foto: Delza M. Jesus

*vizitantoj en la artekspoziciejo*

Maria Almada

# Fermita klubo de sinkrotronoj havas membron en ŝtato San-Paŭlo



fotoj: James R. Piton

En Campinas, je 90 km norde de ĉefurbo San-Paŭlo, troviĝas LNLS, Nacia Laboratorio pri Sinkrotrona Radiacio (Laboratório Nacional de Luz Síncrotron: *http://www.lnls.br*). Jam pasis kvin jaroj de plena funkciado de tio, kio estas la plej granda civila scienca projekto disvolvita en Brazilo. La konstruado mem bezonis naŭ jarojn, sed ĝi plu estas en daŭra evoluigo.



*Sinkrotrono* estas la nomo por elektron-akceliloj, kiuj produktas tre intensan lumon (radiacion), iom pli ol la t.n. "videbla lumo". La sinkrotrona lumo (elradiata de elektronoj) kovras spektron de la elektromagneta energio inkluzive de la subruĝa, la transviola, la videbla lumo kaj la X-radioj. Per tiu speciala lumo, oni povas esplori molekulojn kaj la atomajn aranĝojn. La celo estas ne nur baza scienca esplorado, sed ankaŭ studi novajn materialojn utilajn por la aviada, metalurgia, teksa industrioj, inter aliaj, kaj por la farado de novaj kuraciloj, por la kontrolo de poluciaj elementoj en la naturo ktp.

La sinkrotrona radiacio estiĝas en specialaj elementoj, kiuj akcelas elektronojn ĝis la lumrapido kaj ilin verŝas en tubon de ringo kun 90-metra cirkonferenco, sub tre strikta vakuo. Por ke la t.n. fasko de elektronoj daŭre ĉirkaŭadu en la tubo, estas grandaj regeblaj elektromagnetoj, kiuj kurbigas kaj fokusigas la elektronojn, devigante ilin flui ĉiam en la centro de la ringo-tubo. Dum tiu kurbiĝo, la elektronoj tangente elradias la sinkrotronan lumon en diversaj punktoj ĉirkaŭ la ringo, ĉe kiuj staras eksperimentejoj nomataj "lumlinioj". Tiuj eksperimentejoj, kiuj nuntempe estas dek unu sed povas nombriĝi ĝis dudek kvar, estas tute apartaj unuj de la aliaj kaj samtempe, paralele funkcias. Fakte ili estas tre specialigitaj: ĉiu utiligas specifan parton de la lumo, por specifa celo: esploro pri la konsisto de materialo, pri la aranĝo de atomoj, pri biologio ktp. La vizitanta sciencisto elektas la necesan parton de la lumo kaj kolektas mezureblajn rezultojn de la apliko de tiu radiacio sur siaj materialspecimenoj. La analizo de tiuj rezultoj kaj la sciencaj verkoj ĝenerale fariĝas poste, en la institucio de la sciencistoj mem. Po naŭ el dek sciencistoj, kiuj uzas LNLS-aparatojn, apartenas al alia scienca institucio.

La sola "krudmaterio" necesa por produktado de sinkrotrona radiacio estas elektro. La sistemo de LNLS konsumas 700 mil KWh ĉiumonate, kio egalas al la averaĝa monata elektrokonsumo de 3 mil familioj en Brazilo.

En la mondo estas kvardeko da sinkrotronaj maŝinoj, en 14 landoj, sed LNLS

estas la sola en la suda hemisfero. La akceliloj de LNLS estis elpensitaj de la brazila scienca komunumo kaj konstruitaj per rimedoj de la brazila ministerio pri scienco kaj teknologio. Pro ne ĉiam sufiĉe disponeblaj monrimedoj — kaj pro sia laŭdifina karaktero disvolvi alternativajn teknologiojn poste transdoneblajn al la brazila industrio — plejparte la aparataro estis ellaborita en LNLS aŭ en lokaj entreprenoj. Tiel oni samtempe ekhavis spertojn kaj formiĝis fakuloj en la kampoj de mekaniko, vakuo, alttensia elektriko kaj elektroniko. En LNLS troviĝas disponebla por aliaj sciencistoj ankaŭ la plej pova mikroskopo en Latinameriko, kapabla pligrandigi la bildon de objekto 1,5 milionojn da fojoj.

Menciinda ekzemplo de la rezultanta teknologio estas la familio de "reg-elektronikaj" eroj kreitaj en LNLS mem, kun elektronikaj kartoj simile povaj, longe funkciantaj kaj samtempe multe malpli kostaj kompare al similaj tradicie importitaj reg-elektronikaĵoj. "Reg-elektroniko" estas la nomo de fako en elektroniko kun la celo superrigardi kaj regi konkrete ekzistantan aparaton, kvazaŭ oni havus homojn "observantajn" ĝian funkciadon kaj "agantajn" por ĝia taŭga funkciado. En la kazo de LNLS, tiuj elektronikaĵoj gravas ne nur por agi sur la centoj da aparatoj malproksimaj de la ĉefkontrolejo, kie fizikistoj decidas pri la bona funkciado de la tuta maŝino. Tiuj aparatoj ankaŭ estas en lokoj, kiuj povas esti danĝeraj al la homa sano, dum funkciado de la akcelilo. Cetere por ke la sinkrotrona radiacio estiĝu kaj konserviĝu dum horoj, plej multaj sistemoj de aparatoj postulas ĝustatempan funkciigon, akurate kaj en reciproka sinkroneco je kelkmilonoj da sekundo. Tion homoj ne povus malaŭtomate fari.

James Rezende Piton
Campinas /Brazilo

# Semi por Esperanto

La ĉefaj komercaj vendejoj , en la urbocentro de Valença/ RJ, dum tri matenoj (31/jul, 02 kaj 06/aŭg), akceptis nekomunanklienton, nome la aktivan E-propagandiston Evandro de Freitas, kiu senpage disdonis diskedojn enhavantajn bazan E-kurson kaj ĝeneralajn informojn pri la lingvo. Laŭraporte, Evandro vizitis cent butikojn kaj disdonis 600 diskedojn. Ĝenerale la komercistoj bone kaj simpatie akceptis lin, tial li kaptis la okazon kolporti por Esperanto, klarigante pri ĝia celo, montrante ekzemplerojn de kelkaj esperantaj publikigaĵoj kaj eĉ afiŝante pri la fortaleza UK. Sin demandante pri la mistera fonto lin inspirinta al tiu kolportado, kaj ne trovinte kontentigan respondon, nia verda formikulo mirplene ekmemoris ke ĝuste en tiu dato (31/jul) li kvinjariĝas kiel esperantisto. Nu, tio ja ne gravas al li. Gravas ke li ne estis forpelita de la komercistoj. Eble pro la fortaj povo kaj brilo de la verda stelo! — konfideme li ŝercas. Kara Evandro, jen ni aldonas niajn gratulvortojn al via laborinstigilo:





NI SEMU KURAĜE KAJ KONSTANTE!

# (R)estu membro de la E-komunumo



Mi volas rediri al vi, kial indas esti kaj resti membro de la Esperanto-komunumo. La samon pli-malpli mi jam diris pasintjare, kaj mi restas nun samopinianta. Esence al la ĉiama demando: "Kial finfine mi devus aliĝi al la loka Esperanto-klubo, al la nacia landa asocio, al la asocio de mia fako aŭ hobio, al Universala Esperanto-Asocio?" mi kutimas respondi, ke ekzistas almenaŭ du kialoj:

1) La Esperanto-asocioj je ĉiuj niveloj laboras por pli bona mondo, por mondo sen lingva kaj kultura diskriminacio; mallonge dirite, ili laboras por lingva demokratio. Se vi opinias, ke tiu estas bona celo, vi certe volas subteni ilin. Aliĝante al via loka klubo aŭ al monda, nacia aŭ faka asocio (eventuale eĉ al ĉiuj tiuj), vi estos parto de tiu tutmonda Esperanto-movado, kiu de pli ol unu jarcento laboras por homaj lingvaj rajtoj je ĉiuj niveloj, kaj kiu provas konvinki la mondon, ke ankaŭ en la lingva-kultura kampo justeco valoras pli ol forto.

2) Samtempe vi eble ŝatas simple esti parto de la komunumo, kiu parolas la internacian lingvon Esperanto. Vi eble ŝatas renkonti aliajn parolantojn de Esperanto, vi ŝatas aĉeti librojn en Esperanto, vi ŝatas vojaĝi al fremdaj landoj, koni ties loĝantojn kaj eventuale eĉ esti gastigata de lokaj esperantistoj. Ĉion ĉi la membroj de Esperanto-asocioj faras des pli nature, estante daŭre informataj per siaj asociaj ligoj pri la revuoj, la libroj, la kongresoj, la ret-listoj kaj la ret-paĝoj, la korespond-anoncoj kaj la vojaĝ-ebloj je sia dispono. Kaj se vi apartenas al la komunumo de tiuj, kiuj normale ŝaltas sian komputilon antaŭ la matenmanĝo, vi trovos (aŭ jam trovis), ke esperantistoj ĉeestas pli kaj pli en

## LA KOSTO DE MEMBRIĜO

Jen kiom elpoŝigas jare brazilano aliĝinta al almenaŭ kvin E-organizaĵoj:

| Nivelo | Jarkotizo* en eŭro / realoj | Organizaĵo | Kion la membroj ricevas |
| --- | --- | --- | --- |
| Loka klubo | 17 / 60,00 | Esperantan Klubo Zamenhof, en SanPaŭlo/Brazilo | 2 n-rojn de ***Saiba Tudo*** |
| Ŝtata asocio | 27 / 96,00[1] | Esperanto-Asocio de San-Paŭlo | 3 n-rojn de ***La Lampiro*** |
| Landa asocio | 5,6 / 20,00[2] | Brazila Esperanto-Ligo, en la Federacia Distrikto | 4 n-rojn de ***Brazila Esperantisto*** kaj la ***Jarlibron***. |
| Faka asocio | 20 / 72,00 | Sennacieca Asocio Tutmonda, en Parizo/ Francio | 12 n-rojn de ***Sennaciulo*** kaj la jaran suplementon ***Sennacieca Revuo***. |
| Monda asocio | 25 / 89,00[3] | Universala Esperanto-Asocio, en Roterdamo/Nederlando | Vidu informtabelon ĉi-flanke |

* Jarfonto 2002

(1) laŭkategorie 'Simpla Membro' (2) laŭkategorie 'Nova Membro' (3) laŭkategorie 'Membro-Abonanto'

la tutmonda reto kaj serĉas kontaktojn kun similaj esperantistoj. La avantaĝoj de asocia membreco estas similaj ankaŭ ĉi-kaze. Ekzistas diversaj diskutgrupoj por UEA-membroj, ekzemple, kaj nuntempe ankaŭ eksperimenta eblo ricevi la revuon Esperanto per Interreto en komputila formato.

Do estas grave, ke vi klopodu aliĝi al Esperanto-organizaĵoj je ĉiuj niveloj (loka, landa, faka aŭ internacia). Ni kompreneble invitas vin aliĝi aŭ re-aliĝi al UEA, sed ankaŭ se vi aliĝas nur al faka asocio aŭ al via loka klubo, tio jam estas io bona; kaj se vi aliĝas ankaŭ al via landa asocio, tio estas io ankoraŭ pli bona, ktp. UEA pretas ĉiukaze sendi al aranĝantoj de naciaj aŭ lokaj renkontiĝoj stokon da revuoj de UEA de la pasinta jaro kune kun cirkuleroj por disdonado al la partoprenantoj - oni devas tiurilate nur peti la Centran Oficejon. La celo de nia kampanjo estas "vastigi la komunumon", tio estas vastigi la nombron de organizitaj kaj interligitaj esperantistoj je ĉiu nivelo. Nia ĉefa celo estas ke la membroj de ĉiuj Esperanto-organizaĵoj pliiĝu kaj estu en kontakto inter si. Oni vastigas la komunumon ĉefe per informado pri Esperanto kaj instruado de Esperanto, sed ankaŭ tio estas senefika en la longa daŭro, se la parolantoj de Esperanto ne poste iel restas kune.

Ni restas je via dispono por kunlabori kun vi pri tiu ĉi celo.


Renato Corsetti,
Prezidanto de UEA
*renato.corsetti@co.uea.org*

**Universala Esperanto-Asocio**
Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando
tel. +31 10 436 1044;
fakso +31 10 436 1751; retpoŝto <**uea@uea.org**>
TTT **http://www.uea.org**


## Unu jaro sen UEA

Kio okazus al la esperantista movado, se ĝia plej grava organizaĵo ĉesigus siajn aktivecojn dum unu jaro? Se malfacilas al iu bildigi la katastrofan scenejon, ni helpu al tiu per la suba (mallongigita) enlistigo da veaĵoj:

- ✪ La du plej gravaj internaciaj ne-esperantistaj organizaĵoj, kun kiuj UEA tenas operaciajn rilatojn, nome Unuiĝintaj Nacioj kaj UNESKO, apenaŭ ekscius pri la atingaĵoj de la esperantista komunumo.
- ✪ Komisionoj kiel Afrika kaj Amerika Agadoj, Beletraj Konkursoj, Informo-Servo kaj Konsilio de Eŭropo i.a., interrompus gravajn projektojn nemalhaveblajn por la pluirado de la movado mondskale.
- ✪ La esperantistoj estus senigitaj je sia plej impona internacia kulturaranĝo, nome la Universala Kongreso de Esperanto.
- ✪ Ĉirkaŭ 140 landaj kaj fakaj asocioj restus orfoj de sia plej elstara kunlaboranto.
- ✪ La Delegita Reto, konsistanta el preskaŭ 2000 individuoj, dronus en forgeso kaj neserviteco.
- ✪ Gravaj eldonaĵoj kiel *Vojaĝo en Esperanto-lando* de Boris Kolker kaj *La Libro de la Mirindaĵoj* de Marko Polo, dumlonge atendus malavaran eldoniston.
- ✪ Ĉesus eldoniĝi unu el la plej belaj kaj elstaraj esperantaj publikigaĵoj, (ĝuste tiu, per kiu la lokaj kluboj fiere fortikigas siajn argumentojn kontraŭ la nekredula popolamaso), nome revuo Esperanto.
- ✪ La esperantistoj restus sen aliro al la plej granda kaj valora libro-servo en/kaj pri Esperanto en la tuta mondo.
- ✪ Fine, sed ne laste, la tuta movado restus senkapa kaj sen direktilo.

# Vivceloj - sendepende de celtrafoj - al vivo sencodona

En numero 254 de la literatura revuo FONTO aperis ia kvazaŭ densigita membiografio de Guozhuo, ĉina esperanta tradukisto, verkisto, instruisto. Imitinda, ekzemplodona el esperantista vidpunkto, zorginspira el vidpunkto homa.

El malaltranga manlaboristo en tekstilfabriko prosperis al li iĝi ties supera inĝeniero. Liaopinie li povus esti atinginta multe pli, se li al tio estus dediĉinta iom el la energio kaj klopodoj, kiujn li metis je la servo de Esperanto.

Kaj tamen el ĝi li «ricevis nenian praktikan utilon en socia vivo». Male, ĝi portis al li «nemalmultajn sortobatojn»: perdoj de «juna ĉarma edzino», sano kaj aliaj.



Ŝancoj alvenis, ke li plibonigu al si la vivon, tamen ĉiufoje li «nur ripetis sian unuan elekton, iri sur la vojo de ni, esperantistoj, pli kaj pli malproksimen», sen retroiro. «Kio instigis min estis la nobla idealo de Esperanto, estas la senegoisma sindonemo de eminentaj esperantistoj».

Al liaj penoj apartenas la mankopiado de pluraj esperantaj ĉefverkoj. Li tradukis verkojn elesperante ĉinen kaj el la ĉina en Esperanton. Li konvinkiĝis, ke «tradukado estas tre bona rimedo por la lernado de Esperanto». Kaj certe tio estis ankaŭ maniero malpli senti sian esperantan izolitecon.

Sesdekkvarjara, li daŭre laboras, nun ne plu mankopiante, ĉar ankaŭ li atingis la posedon de komputoro en kiun li, tagon post tago, metas esperantigitajn paĝojn de ĉina majstra novelaro STRANGAĴOJ DE LIAOZHAI, kiun oni povas legi en http://anteo.domainvalet.com/liaozhai.

Oni emas sin mem demandi, kiel tia homo reagus al ia eventuala atako kontraŭ Esperanto, aplombe kaj spritopretende farita de iu tamen respektata, laŭsupoze kompetenta eminentulo. Eblas ke ĝi similus la reagon de patriota soldato kiu, kripligite, revenas de porpatruja milito kaj konstatas, ke sialandanoj priridas la kampanjon, ĝiajn celojn kaj rezultojn. Se tamen la kritiko kontraŭ Esperanto venus de fakte respektinde kompetenta homo, kapabla je persvadaj argumentoj, kiujn oni nepre devas preni en konsideron, ties efikon oni povus eble pli bone bildigi per rakonto legita antaŭ da jaroj sufiĉe por forgesigi pri detaloj kaj la aŭtoro.

Temas pri geedza paro, kiu povis permesi al si nur modestan elspezon kaj kiun oni iam invitis al festo de iom pli altranga societo. Ial ili volis ne nur iri al la festo, sed ankaŭ bone impresi la aliajn pri si.

Pri vestaĵoj ili solvis la problemon. Restis tamen manko: por la sinjorino ia juvelo kvazaŭ postulata de la bongusta robodekolto. Ŝi ekmemoris pri bela perlokoliero, kiun iam lerneja kolegino paradis inter siaj kunlernejaninoj.

Ili ambaŭ iom kunvivis, eĉ dumamuze amike rilatis en la lernejaj tempoj, sed poste la rangodiverseco mem ilin apartigis. Tamen tio ne ŝajnis al ŝi obstaklo al tio, ke ŝi pruntepreni la kolieron.

ŝi provis kaj trafis tion.

La festo igis ŝin senti sin feliĉa ne nur, sed ankaŭ, pro la impreso al kiu la juvelo helpis.

Jam hejme, dum komentoj kun la edzo kaj la senvestiĝado, ŝi ektimigite konstatis, ke la koliero ne plu pendas de ŝia kolo. Montriĝis vanaj ĉiuj provoj trovi ĝin.

Post longaj kaj seriozaj konsideroj, la paro decidis, ke la sola solvo por la redono de la perditaĵo estas pruntepreno de la necesa mono kaj cedo de la domo kiel garantio.

Ili faris tion, aĉetis egalan kolieron.

De tiam ilia vivo ekestis tute alia.

La perlaboro de la edzo sufiĉis por relative komforta sed modesta vivo. Por la pago de la ŝuldo oni devus trovi alian rimedofonton. La sola vojo estas, ke ankaŭ ŝi kontribuu al la enspezoj. Pro manko de oportuna profesia kvalifikeco, ŝi devis akcepti krudan laboron, kiun ŝi tamen rezignacie alprenis , kun la konsola sento, ke ŝi kondutas inde, faras la farindon, tenas sian honoron.

Kaj, laŭlonge de la jaroj, nur tiu penso igis ŝin alfronti klopodojn kaj penojn, kiuj fine lasis siajn stampojn sur ŝia fizika aspekto.

Iam, hazarde kaj neatendite, ŝi trovis sin antaŭ la iama lerneja amikino, kiu ne rekonis ŝin. Ŝi sin prezentis kaj, rimarkinte ke estas io kompata en la maniero kiel la alia rigardas ŝin, rakontis pri la perdo kaj anstataŭigo de la tre multkosta juvelo kaj la tuta oferdono, kiun tio postulis. Kaj tute ne estis plendo en ŝia rakontado. Enestis ĉefe fiero pro tio ke, malgraŭ la suferigaj streboj, ŝi plenumis tion, kion honorteno diktis.

La alia aŭdis ĉion kaj fine, serene, kvazaŭ tio estus ĉiutaga afero, diris: Sed la koliero estis falsa.

Imunaj je tiaj afekciaj frustracioj, se ne tute, almenaŭ parte, estas du grupoj de Esperantistoj: la raŭmistoj kaj la spiritistoj.

La unuaj ne priokupiĝas pri la «fina venko», nur pri la dumvojaj eventoj. Ne ĝuste la trafo, sed la alcelado kaj la respektivaj prizorgoj. Pri ni — la homa infana raso — William Auld diras, ke «la celon ni plenumas, la celo nin konsumas». Ankaŭ pri la raŭmistoj oni povas diri, ke ili sin donas al batalado por

“ Imunaj je tiaj afekciaj frustracioj, se ne tute, almenaŭ parte, estas du grupoj de Esperantistoj: la raŭmistoj kaj la spiritistoj. ”

la plua vivo, se ne de la homa raso, almenaŭ de Esperanto kaj uzas (konsumas) siajn energiojn por tiu pli modesta, eble ankaŭ pli realisma, sed certe malpli frustraciriska celo sen implica trafo.

Ne nur por la fina venko, sed eĉ nur por la nura pluvivado de Esperanto, ni bezonas pavimi la vojon per kulturaj valoroj, literaturaj kaj aliaj, kapablaj levi la prestiĝon de nia lingvo antaŭ la okuloj de la homoj kaj teni la poresperantan intereson kaj laboron de la esperantistoj mem.

Same kiel ni — la aliaj esperantistoj — ankaŭ la raŭmistoj sentas sin stimulataj de siaj dumvojaj atingoj: libroj, kolokvoj, revuoj, seminarioj, renkontiĝoj, kongresoj, debatoj, prelegoj, aprezaj deklaroj kaj sintenoj koncerne al Esperanto, konkero de universitataj docentoj, spacokupo en lernejoj kaj universitatoj, enkonduko de Esperanto en profesiajn mediojn kaj profesiigo de kelkaj esperantaj taskoj.

Ili havas eble pli da ŝanco arigi kapablajn esperantistojn kiuj enfokusigos siajn atenton kaj klopodojn en la lingvon mem, ĝian uzadon kaj bezonatan riĉigon sur scienca kaj teknika kampoj.

Kaj ni ĉiuj povas profiti el ilia laboro — se ili fakte faros ĝin. Eble ili helpos nin levi la kvaliton de nia lingvuzado, multfoje ja priplorinda, eble ankaŭ pro troa koncentriĝo en la ideon pri la fina venko, kiu preteratentigas nin pri valoraj instrumentoj por aliri ĝin: la lingvo mem kaj la kulturo kiun ĝi devus peri.

Pri la spiritistoj la afero estas tute diferenca. Por ili la «interna ideo» estas alloga kaj la ĉefa altirilo, kaj ne tiel gravas kiom da generacioj oni bezonos por atingi la finan venkon.

Ili scias *, ke ankaŭ tiam, eĉ se en iom fora tempo, ili povos esti tie ĉi kaj kunĝui la tutmondiĝon de Esperanto, kiu cetere jam

atingis la mondon de la spiritoj. Ni ja havas plurajn psikografiitajn librojn.

Anstataŭ eventualan frustracion ili povos ricevi de Esperanto nur kontenton, ĉar, per sia aktiva esperantismo, ili laboras por la plibonigo de iu mondo, kiun ili longe, longe privivos. Do la foreco de la fina venko ne ĝenas ilin. Eĉ ne eventuala dubo pri ĝia realiĝo, ĉar sciate estas, ke noblaj idealoj ĉiam bonefikas al la homaro, en pli aŭ malpli alta grado, eĉ se ili ne konkretiĝas en la imagita aŭ revata maniero. Kaj la spiritistaj esperantistoj partoprenas la nunajn poresperantajn laborojn kaj partoprenos la estontajn — eĉ se tre forajn — sukcesojn.

* Estis iam en la Santo André iu firmaa direktoraro kiun, el religia vidpunkto, oni povus nomi ekumena, se tian povas partopreni sendiulo. Unu direktoro estis katoliko, alia evangeliano, alia judo, unu spiritisto kaj la agnostikulo. Dum konversacio pri reenkarniĝo, inter la spiritisto kaj la sendiulo, ĉi tiu komencis frazon: «Vi opinias, ke...» La spiritisto tuj interrompis lin: «Mi ne opinias, mi scias».

En la tuta direktoraro estis plena reciproka respekto al la diversaj prireligiaj starpunktoj. Oni rekonis inter ili, ke la spiritisto estis tiu, kiu agis plej kongrue kun sia religia principaro: karitate, tio estas, komprene tolereme, solidare helpeme. Li ja estis kunfondinto kaj, dum pluraj jardekoj, laŭleĝe aŭ laŭfakte, prezidanto de bonfara neregistara organizaĵo asistanta plurajn centojn da malriĉulidaj kaj orfaj infanoj kaj adoleskuloj. Al tiu organizaĵo li dediĉis, ĝis sia antaŭnelonga morto, multe el siaj tempo, mono kaj energio, malgraŭ sia multnombra familio, kiun li tamen bone prizorgis.

José Dias Pinto
jodipinto@canbras.com.br

## ILEI-afero revigliĝas en Brazilo

*(daŭrigo de la p. 6)*

**Zlóv -** Ne, ne. Cseh-metodo estas unu el la plej konataj en la E-instruado. Mi konsideras ĝin bona, sed ne konvena por la plej multaj lokoj de Brazilo. Ĝi estas por klaso multnacia aŭ plurlingva ekz. en Eŭropo, kiam en la sama klaso ĉeestas hispanoj, francoj, italoj kaj germanoj; tiel estas interesa la afero. Mi mem kredas, ke instru-materialo estas ĝenerale necesa eĉ en tiaj cirkunstancoj. Por la plejmulto, kiu havas instrunivelon ne tre altan, kaj pro tio ne estas tre lerta por la lernado de lingvoj kaj eĉ ne bone konas sian propran nacian lingvon, la rekta metodo ne taŭgas. Kiam oni komencas tian kurson, tiuj, kiuj ne adaptiĝas, tre rapide fuĝas el ĝi. Mi agnoskas tiun metodon, sed mi ne kredas ke ĝi alportos solvon al la E-instruado en Brazilo.

**LL -** La skipo de La Lampiro, nome de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo, deziras al vi sukceson.

**Zlóv -** Koran dankon. Nia domo estas malfermata kaj ĉiuj pretaj kunlabori estas bonvenaj. Mi ankaŭ invitas ĉiujn viziti nian novan hejmopaĝon ĉe:

**www.ileibr.kit.net**
aŭ kontakti nin per
**ileibr@linguauniversal.com.br**

# Mário Quintana



(1906-1994)

*Mário de Miranda Quintana naskiĝis en Rio Grande do Sul/Brazilo. Lia poemaro rangigas lin inter la plej elstaraj brazilaj verkistoj. Krom poeto li ankaŭ tradukis gravajn tutmondajn aŭtorojn kiel Papini, Maupassant, Proust, Voltaire kaj Virginia Woolf.*

## La Poemoj

La poemoj estas birdoj kiuj venas
oni ne scias de kie kaj sidiĝas
sur la libron kiun vi legas.
Kiam vi fermas la libron, ili ekflugas
kvazaŭ el kaptilo.
Ili ne havas restadejon
nek havenon.
Ili nutras sin jen en unu paro da manoj jen en alia
kaj foriras.
Kaj vi rigardas viajn malplenajn manojn,
en mirinda surprizo scii
ke ilia nutraĵo jam estis en vi ...

Elportugaligita de Florestano



Tenorjo




Jen nova disko de Persone, ‘Sen’. La titolo emas resumi la unikecon de ĉi tiu disko, t.e. la manko de elektronikaj instrumentoj. Ja temas pri akustika albumo, maloftaĵo en nia verde rokmuzika historio. Tamen la rezulto, malgraŭ la ĝisfunda profesieco de la ensemblo, ne kapablas ne gusti iom magra.

La nivelon de la tekstoj, en bona kaj ĉiutaga Esperanto, ne akompanas la muzikoj, plejparte pro ŝajna miskompreno. Oni fakte devas malpliigi la gitarblekojn dum surbendigado de disko akustika, sed tio tute ne signifas transdoni al la muzikoj iun guston nebulecan, preskaŭ vakuan.

Abundas liriko en la tekstoj, mankas leĝero en la muzikoj. Ili aŭdeblas peze, lante, ne tiom melankolie, kiel ŝajne celis la grupo, sed triste ja. Kaj jen la tubero en la afero — la tekstoj ne kongruas kun tia muzika etoso.

Novaĵo menciinda estas la kantado de Bertilo, ĝis tiam drumisto, de nun ankaŭ kantisto de la ensemblo, apud Martin, ĉefkantisto. Multobliĝis la eblecoj prezenti al publiko pli varian repertuaron, kaj muzikan, kaj voĉan.

La sperto validas, ja estas ĝi la unua disko tute akustika de la rokbando. Sed mi demandas min ĉu akustikaĵo sinonimas nepre tristajn, lamajn melodiojn. La respondo estas kaj restas individua. La disko do plaĉos al fanoj de Persone, sed ne al ĉies oreloj.

Flavio Rebelo



“José Esperante” — kompaktdisko sendepende produktita de la aŭtoro mem, estas pionira verko en nia ŝtato. Ĝi prezentas naŭ muzikojn en romantika kaj gaja etoso. Unu el ili “Ankoraŭ Utopio” sonis tra la Salono Zamenhof, kunkantata de ĉiuj membroj de la Internacia Koruso, okaze de la solena fermo de la ĉi-jara fortaleza UK, kaj allogis la tieajn spektantojn.

Tre omaĝita de la koruso, li staris samrange kun du aliaj famkonataj brazilaj artistoj, nome Ari Barroso kaj Fagner, kies muzikoj ankaŭ estis kantataj.

José Calixto do trafis pri la decido urĝe pretigi la diskon cele al ĝia lanĉo en la UK, malgraŭ ke tiu hasto portis kelkajn teknikajn problemojn kaj al la tekstolibreto kaj al la kvalito de la sonregistrado. Tiuj mankoj ja estas rimarkeblaj kaj devas esti cititaj, tamen ili falas sur verkon kies merito jam estas rekonata de internacia publiko.

Aldoninde estas ke li disvendas sian unuan diskon je prezo malpli alta ol la produktokosto. Agante tiel, li ne nur ĝojigas la esperantistaron per sia muziko, sed ankaŭ donacas al ĝi eĉ parton de ĉiu disko-ekzemplero.

Luiz Rusilo

## 15a E-Renkontiĝo de Urbo San-Paŭlo

**Dato:** 11/05/2003
**Loko:** (difinota)
**Temo:** “Limoj kaj Sintenoj en Esperanto-Movado”

2003
Tiun mi ĉeestos!
easp@osite.com.br

# Rimo-greftado




Daŭrigante la temon pri hajkofarado, nun ni pritraktu ĝin laŭ la esperanta vidpunkto. Laŭ la japana tradicio, hajko prezentas nenian rimon kaj ĝia metriko konsistas ne el silaboj, sed ja el sonoj (entute 17) aranĝitaj en tri versoj, plej ofte laŭ la skemo 5-7-5.

La popularigon de tiu poemformo ĉe la japanoj oni ŝuldas ne al ĝia ekstera formo, sed al la rezulto de multjara poezio-tradicio profunde ligita al la miljara kultura heredaĵo de tiu popolo.

Diskonigantoj de hajko alilande delonge strebis vesti la novan poemformon laŭ la gusto de la poezia tradicio de siaj samlandanoj. Tial perdiĝis la plej grava trajto de hajkofarado, nome ĝia spontaneco.

Same agis ankaŭ la unuaj esperantistoj hajkistoj. Kun poezia grundo apenaŭ burĝonanta, kaj tamen dezirante prezenti la ekzotan kaj delikatan floron kiel eble plej alloge, tiuj esperantaj hajko-kulturistoj devis grefti sur ĝin iun rimon. Koncerne al la metriko, ĝi prezentis nenian problemon, tial ke Esperanto estas fonetika lingvo. Ankaŭ la verso-distribuo sekvas la originalon, nome du kvinversoj intermetitaj de sepverso. Malgraŭ la strebo, la novaĵo dumlonge restis apenaŭ esplorata de versamantoj.

De kelkaj monatoj tamen la pejzaĝo ŝanĝiĝis kaj la japana rozido ŝajne revigliĝas, kaj en la gazetaro, kaj en privataj versejoj de talentaj hajkistoj atendantaj la brilan sunon de iu eldonisto (vidu specimenon ĉi-artikole).

Fidela al la esperanta tradicio kelkaj hajkistoj kulturas la rimon, sed aliaj preferas la spontanecon de la originalo. Malaprobi al ili sin esprimi per tiu aŭ tiu maniero estas sufoki la kreskadon de grava literatura branĉo el nia verda ĝardeno.

En konka eto
du aŭ tri perloj brilas —
beba rideto.

Flavio Rebelo

Ĉe karbofajro
reliefe sulkiĝas
faltoj de l' oldul'.

Hazel

Dum ĉiuj dormas,
plene lunan la ovon
la nokto kovas.

Flavio Rebelo

Jen serpentumas...
ĉe l' flankoj de la montar'
tago senfina.

Hazel

Navo preĝeja
pareto da hirundoj
en nupta flugo.

Hazel

Tra glacfenestro
strato-bubo gustumas
kristnasko-manĝon.

Hazel

# Cseh-Metodo



fotoj: Ísis C. Okabe Piton

*Neniu scias kiel la lingvoj estis instruataj [en la pasinteco], nek kiel oni lernis ilin. Ĉiukaze, la instruado estis tiel efika, ke oni nun ne bezonas pensi pri gramatikaĵoj antaŭ ol paroli.*

**Rubem Alves**



Dum la 87-a Universala Kongreso en Fortaleza, oni havis plian sesion de A-Seminario por Cseh-instruistoj, programo de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) kaj gvide de la monde konata instruisto Atilio ORELLANA ROJAS. La Seminario celas enkonduki E-instruistojn al tiu metodo de instruado de la internacia lingvo. Ĉeestis proksimume dudek partoprenantoj, plejparte el Brazilo, sed i.a. estis ankaŭ ĉina partoprenantino.

Kreita de pastro Andreo Cseh en la 1920-aj jaroj, la metodo estas kombinaĵo de gramatika kaj rekta metodoj. La etapo pri pli profunda analizo kaj lernado ne okazas en la porkomencantaj kursoj. En tradiciaj E-kursoj oni unue instruas gramatikaĵojn. Tamen en la vivo oni unue lernas paroli kaj nur poste, en lernejo, oni akiras la t.n. gramatikon. “Kiam oni parolas, oni ne pensas ĉu oni uzas substantivon, adjektivon aŭ verbon. Oni eĉ ne memoras pri la gramatikaj reguloj. Kiu bezonas memori pri gramatikaĵoj, tiu ne scias paroli!” diras brazila psikanalizisto kaj edukisto Rubem Alves.

Laŭ la tiel nomata “Cseh-metodo” [prononcu *ĉe*-], oni instruas Esperanton sen uzi naciajn lingvojn, tiel ke eblas instrui ĝin al lernantoj el diversaj landoj en la sama klasĉambro. Dum la Seminario oni lernas instrui en kiu ajn kondiĉo. Ĉio fariĝas materialo por la instruisto, eĉ se oni ne havas tabulon, kreton kaj ordinarajn instruilojn. La kurso do estas (aŭ devas esti, por sukcesa rezulto) tre dinamika. Per interrilatigaj ludoj, oni kaptas la atenton de la gelernantoj kaj instruas.

Atilio klarigis, ke gravas krei en la klaso afablan etoson, en fido kaj amikeco, kio ja instigas la gelernantojn lerni, partopreni kaj paroli. Oni vere lernas nur tion, kio unue eniras la koron. Nur poste tio eniros la memoron. La sinteno de la estonta Cseh-instruisto estas grava temo pritraktata dum A-Seminario, ĉar la sukceso aŭ malsukceso de la lernantoj en tiu metodo rekte rilatas al la maniero instrui.

La preparado de Cseh-instruisto konsistas el triŝtupa serio: A-, B- kaj C-Seminarioj. Oni por pliaj informoj kontaktu:

Internacia Esperanto-Instituto
Riouwstraat 172, NL-2585 HW
Den Haag, Nederlando
iei001@tiscali.nl

**Ísis Climany Okabe Piton**
studento pri Psikologio, U.N.G.
Campinas, Brazilo

# Espero ĉiam

Ĉio evoluas, estas la leĝo. La homoj ne povas haltadi, ĉiam ili progresas, rapide aŭ malrapide, volante aŭ perforte.

Nun kiam la sciencaj konoj progresas en ĉiuj fakoj — genetiko, kirurgiaj procedoj, komunikiloj, transportado, ktp — tiamaniere ke oni ne povas ilin akompani, la malklereco, la mizero kaj iliaj rezultoj abundas en pluraj partoj de la mondo. Estas grandega la diferenco de vivkondiĉoj inter la personoj, la popoloj, la landoj, kaj oni ne povas resti indiferenta antaŭ tiu situacio.

La komunikiloj, pli kaj pli perfektaj kaj rapidaj, malgandigis la mondon. Neniu estas aparta, kio okazas al iu reflektas sur la aliaj rekte aŭ malrekte.

Ĉu la homaro iam vivos pace, harmonie?

Ĉu la neegalecoj iam estos malpli grandaj?

Indikoj ankoraŭ komencantaj aperas: neregistaraj organizaĵoj, kiuj defendas la medion kaj la vivon; volontulaj laboristoj, kiuj helpas, kuracas, instruas la senhavulojn; influaj homoj, kiuj predikas la pacan solvon de malkonsentoj inter la nacioj... Kaj la kreskanta disvastigo de la helpa lingvo Esperanto en la tuta mondo, kiu ebligas la komprenon kaj semas la fratecon.

Jes, la homaro kaj ĝia loĝejo, la Tero, estos pli feliĉaj. Estas la Leĝo.



Yeda Patrizi

# Hirundoj

Iam, en lunĉejon, eniris almozulo malbelaspekta, malbone vestita kaj tamen feliĉa. Pli feliĉa ol tiuj kiuj jam troviĝis tie, malgajmienaj, forirontaj pro ia kaŭzo. Li haltis ĉe la enirpordo kaj laŭte kriis al la kelnero: “He, vi!! Donu ion al mi por manĝi!”

Helpantino gaje ridante respondis al li: “He, sinjoro, ĉi tie ni havas nek ion nek alion por manĝi, tamen ni havas pasteĉojn; ĉu vi volas?”

Ankoraŭ gaja kaj ridante per sia preskaŭ sendenta buŝo li diris: “Jes, taŭgas!”

La helpantino ensakigis pasteĉon por li plej zorge, kun buŝpapero, kaj ridetis al li etendante la pakaĵeton: “Jen!”

La feliĉa homo en sia mizera vivo prenis la saketon kaj laŭte diris al la helpantino: “Dio al vi pagu!” kaj foriris lante, senokupe al la rondeco aŭ plateco de la Tero.

Mi ĉion vidis kaj pripensis la malfacilaĵojn de la vivo de la “normuloj”, laboristoj, entreprenmastroj, dommastrinoj, gelernantoj, estraranoj...

Fininte mian lunĉeton, mi aliris la straton hejmen revene kaj mi ne povis ne mediti pri la observita okazaĵo. Kian komplikan mondon ni kreis, Dio mia!!

Post kelkminuta piedirado, mian atenton altiris dekoj da hirundoj, kiuj malalte flugadis, tien kaj reen sub granda arbo kun foliriĉa branĉaro, plena de flavaj floroj. Cetere, sur la strato estis multe da flavaj floroj formantaj nekomunan tapiŝon.

Malrapide, mi alpaŝis la arbon kaj enmisiĝis kun la hirundoj. Ili daŭre flugadis ĉirkaŭ mi. Mi sentis la mildan sunvarmon sur la frunto, vidis la bluetan ĉielon. Poste, atente mi rigardis la flavajn florojn sur la branĉaro kaj sub miaj piedoj, kaj pensis: - Jes, la mondo belas kaj la homa estonteco eblas, ... malgraŭ ĉio.

La hirundoj fermis sian asembleon kaj disflugis supren, kaj ankaŭ mi — kun la animo pli malpeza — reiris hejmen.

Paulo R. Santos

## Novaj vojoj por Amerika Agado

Kiel preleganto de la oktobra kulturkunveno de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo, la nova komisiito por Amerika Agado, d-ro Adonis Saliba, parolis pri la graveco faciligi la interŝanĝon de spertoj inter la esperantistaj aktivuloj en amerikaj landoj, per projektoj koncernantaj ne nur la lokajn esperantajn eventojn, sed ankaŭ la kulturan kalendaron de la koncernataj esperantaj interagantoj. La preleganto memorigis ke la urbo San-Paŭlo mem de multaj jaroj malfermas la pordojn de sia interkulturejo Memorialo de Latinameriko al ĉiaj kulturaj manifestiĝoj de la najbaraj landoj. Kial ankaŭ la e-istoj ne uzas tiajn "oficialajn vojojn" por interŝanĝi siajn kulturaĵojn pere de Esperanto? — demandis entuziasmoplene la amerika komisianano. Por koni la projektojn de la komisiono kaj ties reprezentantoj iru al <http://www.geocities.com/Athens/Acropolis/1874>.

## Speciala Jarfino

San-Luiso de Paraitingo, la plej bone konservata historia urbo de ŝtato San-Paŭlo, estos rekontiĝejo de la 1-a Lingva Jarfino 2002 — speciala septaga evento organizata de Lingva Lernejo, kiu celas arigi tridekon da parolkapablaj geesperantistoj por kunĝui la transiron de la nova jaro en agrable amikeca etoso. Por pliaj informoj iru rekte al *<www.geocities.com/lingvajarfino>* .

## Speciala Jarfino II

Junanimaj esperantistoj el la tuta mondo estas invitataj festi la transiron de la nova jaro en sovaĝa kaj mistika regiono de Brazilo, nome Alto Paraíso. La evento okazos inter la 28-a de decembro kaj la 2-a de januaro, en la Bieno-lernejo Bona Espero. Krom la 40 lokoj por tranokto senpage disponigotaj al la partoprenontoj, eblos aranĝo de tendumado. Por aliĝi aŭ peti informojn sendu retmesaĝon al <cassiusdesconsi@bol.com.br> .

## Gazeto scivolas pri E-o

La 22-a de aŭgusto pasinta la prezidanto de EASP, s-ino Symilde Schenk Ledon, estis intervjuita pertelefone de raportistino el gazeto MetrôNews — portugallingva gazeto, kun centmiloj da legantoj en San-Paŭlo —, kiu aperigis artikolon favoran al Esperanto kune kun informoj pri la kursoj kaj adreso de la Asocio.

## Nordopolusa saluto

Laŭ komuniko de Esperanto-Societo kebekia, la infanoj kaj infankoraj homoj, kiuj tradicie sbribas al la nordopolusa Sankta Nikolao en dudeko da lingvoj, ekde ĉi tiu jaro ankaŭ povos skribi al li en Esperanto. Se oni volas provi, sendu manskribitan leteron al la jena adreso:

AVO FROSTO
NORDA POLUSO
HOH OHO
KANADO - CANADA



## Naŭjariĝas Verda Lumo

Pasintseptembre (8/7/2002) E-Grupo Verda Lumo, situanta en la kvartalo Santana, en San-Paŭlo, festis sian 9an fonddatrevenon kun la ĉeestoj de pli ol cent esperantistoj. La vizitantoj ĝuis riĉan kaj varian artan programon, kiu konsistis el kantado, skeĉo-ludado kaj ekspozicio de pentraĵoj. Kiel kutime, en la fino, la ĉeestintoj estis regalitaj per tablo plena de frandindaj pladoj.

# Simboloj



Io, kio prezentas,
elvokas aŭ servas por
esprimi ion alian, pro
analogeco aŭ pro
konvencio,
precipe io konkreta, kiu
anstataŭas ion abstraktan.[1]

La esprimo de magia mondo pere de la arto — motivigas grandan similecon en la simbologio de artaĵoj, ĉefe per teknika kapablo.

La universo de simboloj elmontras prizonon mistikan, per alegoria signifo kaj emo kredi je misteraj, malklaraj kaj nepruveblaj kaŭzoj kaj efikoj.

## Simbolismo

Skolo de pentristoj kaj de poetoj, kiuj en la fino de la 19-a jarcento elektis la simbolismon kiel plej artan esprimilon de la afineco de la aĵoj kun la homa animo.

Cele al la atingo pli foren de la kreaĵoj la figuroj ne prezentas iun ajn iluzion de la reala spaco, formita de pluraj figuroj dismetitaj, kiuj allogas multe pli pere de la detaloj ol de la aspekto de la ensemblo.

Symilde Schenk Ledon

[1] difino laŭ nova PIV (N.R.)